# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Sekcio de Migrantaj poŝtkartoj,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.
Prezidanto: J o s e f G r o e b e l ,
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5
Poŝtĉekkonto: Köln 37957

Nr-o.11 Novembro 1925 2.jaro.

A l n i a j m e m b r o j.

Nun estas farig'inta aŭtuno kaj g'is la venonta jaro estas nur malmulte da semajnoj. Nia unuig'o devas pagi je la unua de Januaro 1926 grandajn elspezojn, tial mi petas ĉiujn membrojn ke ili sendu baldaŭ la kotizaĵojn de unu U. S. D o l a r o por la venonta jaro senpere al la prezidanto kaj ne al la reprezentantoj, tiel ni povos plenumi nian devon. Tiuj-ĉi membroj kiuj g'is nun ne deklaris ŝang'deziron, samtempe povas fari tion.

Nia gazeto estas plibonigota,tial ni decidis fondi presfondojn, al kiuj ĉiuj membroj bonv. partoprenu. Ĉar la mono en tiu-ĉi tempo estas malmulta,tial mi petas niajn membrojn kolekti iujn-ajn atingeblajn letermarkojn(ne defektajn) kaj tuj sendi ilin al la prezidanto. Tiuj-ĉi markoj estas vendataj en Germanujo kaj la enspezoj estas uzataj por pligrandigo de nia gazeto. La eniritaj sendaĵoj estos kvitancataj en la „Amikeco". Do ne temas pri m o n p e t o.

Mi petas ankaŭ bonvolu varbi novajn membrojn. Se ĉiu ano varbas nur unu novan menbron, tiam nia enterpreno sukcesos.

Obstine antaŭen!

Josef G r o e b e l,
Prezidanto de la „Amikeco".

## GRANDAJ VARBPREMIOJ.

Por doni okazon al niaj membroj, akiri ilian kotizaion por la venonta jaro senpenade, ni rabatos por nove varbita membro po ½ U.S.dolaro.

Tio signifas: Ĉiu membro, kiu alportas dum la monatoj novembro, decembro kaj januaro 2 novajn membrojn al la unuig'o kaj samtempe pagas la kotizon de 2 U.S.dolaroj por la 2 novaj membroj ne bezonas pagi sian kotizon por la jaro 1926; kiu varbas pli ol du membrojn, povas depreni la respondan sumon. Estas kondiĉo ĉiukaze, ke la propra jarkotizo estas enkalkulata.

Do oni pagu la propran jarkotizaĵon de 1 U.S. dolaro kaj por ĉiu nova membro, dum la nomita tempo, po ½ U.S.dolaro.



## LA UNUA POŜTMARKO KUN ESPERANTO-SURPRESO.

La gazeto „Heroldo de Esperanto" skribas:

Nia redakcio ĵus ricevis poŝtkarton el Moskva (USSR) afrankitan per poŝtmarko de 7 kopekoj, kiu montras la portreton de Popov kun klariga teksto en Esperanto, super la portreto: „Inventisto de radio Popov". Krome la poŝtmarko enhavas nur ruslingve la signifon „Poŝta Marko. La indikon de la valoro „7K." kaj la mallongigon „SSSR". La koloro de la marko estas blua.

Nia rusaj membroj estas petataj, bonvole sendi al la prezidanto unu nomitan markon por propagando.



## LA HISTORIO DE LA LETERO.

(Daŭrigo.)

Tiuj-ĉi vortoj nur kiel enkondukaĵo.

Kun la eltrovaĵo de paperfolioj, estas gajnata malmultkosta papermaterialo kaj de tiu-ĉi tempo la disvolvig'o de la leterskribo estas eminenta. 1276 estig'is en Prusujo leterpoŝto, arang'ata de germanaj ordenkavaliroj. Letersenditoj veturantaj leterpoŝtoj jam iris en 13 jarcentoj inter Köln, Frankfurt, Nürnberg, Bamberg, Salzburg, Wien, Stuttgart, Leipsig ktp. Per la arang'o de regula leterpoŝto, tiu - ĉi

organizo havis grandan influon al komerco kaj vivado de multaj popoloj. 1315 Francujo enkondukis leterpoŝton t.e. relais poŝton. En Anglujo reg'o Edvardo IV 1481 enkondukis rajdpoŝton.

Anstataŭ peniko, baldaŭ la plumtubeto enkondukis sin. En multaj ŝtatoj, gildemaj leterskribistoj arang'is sin, kiuj jam havis certan garantion por sekretteno de la enhavo de leteroj. Skribi kaj legi estis instruataj en popollernejo. La instruisto havis tranĉilojn kaj li tranĉis, antaŭ la instruo la plumojn de siaj lernuloj.!

*

HUMORAĴO.

Poŝtoficisto: Tiu-ĉi letero estas tro peza, vi devas ankoraŭ surglui unu poŝtmarkon. Vilag'ano: Sed tiam g'i farig'os ankoraŭ pli peza? !

*

„S E N F's" Eŭropakatalogo 1926.

Kiel jam en la numero 10 de nia gazeto estis sciigata, la nomita katalogo jam aperis la pasintan monaton. La esperoj, kiujn oni havis en kolektantrondoj rilate al tiu-ĉi noveldono estas komplete plenumig'intaj. „Senf" venkas tiamaniere la malsukceson de la „inflacia tempo" kaj fortigas sian pozicion en la en- kaj eksterlando kaj plidisvastigas g'in. La prilaboro sendube estas perfekta, neniu-ajn katalogo do g'in superas. La nova katalogo enhavas ĉiujn, g'is la unua de aŭgusto 1925 aperintajn poŝtmarkojn de Eŭropo, de la eksterlandaj poŝtoficoj kaj de la germanaj kolonioj kun 24000 numeroj, 2800 klarigoj, 4750 plimalgrandigitaj kopioj kaj 41800 prezoj germanvalore. Nur bona kaj forta papero estis uzata. La presaĵo povas teknike esti nominata tre bona. La bindo konsistas el tolo kaj estas moderne stamppresata. La katalogo kostas 6 markojn. Kvankam tiu prezo je la nuna, monmankanta tempo sajnas esti iom multekosta, tamen je la intereso de la internaciaj filatelistoj la plej granda disvastig'o de tiu-ĉi katalogo estas tre dezirata.

„ZUMSTEIN's" eŭropa katalogo 1926 aperis. Ĝi enhavas ĉiujn g'is 15a de Septembro eldonitajn poŝtmarkojn de la eŭropaj landoj, eksterlandaj poŝtoficoj kaj la germanaj kolonioj. La katalogo enhavas pli ol 15000 prezaliigojn, kio atestas perfekte aliigitan foirpozicion en poŝtmarka komerco. Tiun-ĉi renverson certe okasigis la malbona negoco, kreita je manko de mono. Nove agataj estas la landoj Svedujo kaj Fiume. La teksto estas germana kaj franca, kaj bonvideble arang'ita. La nova katalogo konsistas el bona papero, kaj estas perfekte ligita per rug'a tolo, la umo havas modernan kvarkoloran surpreson. Sekve de tiu-ĉi bona konstruo la nova. Zumstein certe trovos je maimulte kosta prezo de 5 svisaj frankoj multajn amikojn.

ELDONEJO: Z U M S T E I N & Cie. BERN 37, Svisujo



Gazetoj.

Amerika Esperantisto, majo/septembro 507 Pierce Bldg. Copley Square, Boston 17 Mass. Usono.
Bulgara Esperantisto, septembro, strato Car Boris 69, Sofia.
Esperantista Junularo, oktobro, Wedellstr.17, Leipsig-Möckern, Germanujo.
Hungara Esperantisto, julio-septembro, IV. Vaczi-utca 8, Budapest, Hungarujo.
International Language, septembro, 17 Hart Street London W.C.1.
La Kolportisto, julio-oktobro, 64 St. Thomas Road, London North 4

---

Por propagandajoj kaj senpagaj ekzempleroj de
L A K O L P O R T I S T O
aŭ libretoj pri
L A K V A K E R I S M O
skribu al
ESPERANTA KOLPORTISTA ASOCIO 64 St. Thomas'Road Finsburi Park, London North 4. Britlando.
Enmetu poŝtmarkon Por poŝtelspezoj!

---

Abonprezo: po jaro 1 U.S. Dolaro.
Anoncprezoj: 1 pag'o 4 U.S. Dolaroj, ½ pag'o 2 U.S. Dolaroj, ¼ pag'o 1 U.S. Dolaro. Malgrandaj interŝang'anoncoj ĉiu vorto 5 orpfenigojn.
Fino de la akcepto de la anoncoj po la 20a de monato.